# Aŭstraliaj Esperantistoj

Federacio de Aŭstraliaj Esperantistoj — Nia Espero Nia Forto

**Novaĵa Letero** de **Federacio de Aŭstraliaj Esperantistoj**

NI SENDAS AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KUN KONATA RETADRESO

17/06/2012 Kvindektria Eldono 2012 17/06/2012 SENDITA

Tiu ĉi letero havas "hiperligilojn" al retpaĝoj KLAKU! KLAKU! KLAKU!

Sendu novaĵojn, leterojn, informojn al Roger Springer rspring@tpg.com.au;

Provlegita de Nicole Else

La informa kaj noma paĝoj nur aperos en la kvinaj kaj dekaj eldonoj

## GRAVAJ DATOJ

(se estas eraro, informu min. rspring@tpg.com.au)

La AEA-jarkongreso okazos en Brisbane 28 septembro ĝis 1 oktobro 2012, ? **(Ne estas fine decidite)**

La AEA-somerkursaro en Sidnejo estos 11 ĝis 28 januaro 2013.?

**Esperanto** havos 125 jarojn la 26an de julio, 2012

Mi, Roger, pardonpetas ke mi ne korektis 3 erarojn pri kiuj Nicole antaŭe informis min.
Ne korektitaj eraroj ĉe AE 52: Ankoraŭ estas skribite "51", ankoraŭ estas skribite "kandikatoj", ankoraŭ estas skribite "oficialon". Roger Springer. Ĉu iu rimarkis?

Skribu al ĉirkaŭ 200 legantoj. En Esperanto mi petas. Roger Springer rspring@tpg.com.au
La ‚Aŭstraliaj Esperantistoj' publikigas vidpunktojn en Esperanto, sendepende ĉu vi estas membro de kluboj aŭ asocioj.

Mezura sistemo havas metran logikan facilan sistemon ekde 1795.
Lingvoj havas logikan facilan Esperanton ekde 1887.

Muziko havas bekflutojn (school recorders) por instigi studentojn lerni pri muziko.
Lingvoj havas Esperanton por instigi studentojn lerni pri lingvoj.

Esperanto estas la 27a lingvo en la listo de lingvoj laŭ nombro de artikoloj en Vikipedio (entute 285 lingvoj estas uzataj tie).

## La Venonta Poŝta Voĉdonado de AEA..

Reklamu viajn proponojn, intencojn, planojn en "Aŭstraliaj Esperantistoj"

Estontaj direktoroj, bonvolu doni viajn pensojn pri la sekvantaj punktoj:

**Malfermiteco, Kondiĉoj de aliĝo, Somerkursaroj, Libroservo, Mondeto, Retpaĝaro, Projektoj, Aliĝkosto, Aliaj?**

Membroj bezonas informojn por scii por kiu voĉdoni.

## La nuna Estraro de AEA (sep direktoroj)

| | |
|---|---|
| **Dianne Lukes** \| Prezidanto | |
| **Kam Lee** \| Administra Direktoro | vidu AE50 |
| **Suzanne Corry** \| Financa Direktoro | |
| **Jennifer Bishop** \| Dir de Edukado | |
| **Yaw Ampomah Badu**\| Dir de Utiligado | |
| **Richard Delamore**\| Dir de Informado | letero AE52 |
| **Crystal Hill** \| Dir de Membraj Servoj | letero AE53 |

## Kandidatoj por la nova estraro 2012-2014

| | | |
|---|---|---|
| Gordon Coleman | vidu AE50 | letero AE51 |
| Indrani Beharry-Lall | vidu AE50 | |
| Kam Lee | vidu AE50 | |
| Sandor Horvath | vidu AE50 | |

Kaj kompreneble tiuj de la nuna estraro kiuj deziras esti reelektitaj kaj aliaj pri kiuj ni ankoraŭ ne scias. Bonvolu sciigi nin, se vi deziras resti en la estraro aŭ kandidatiĝi.

## Komentoj pri voĉdonado de ne-kandidatoj

| | |
|---|---|
| Matt Maguire | letero AE52 |
| Svetislav Kanaĉki | leteroj AE51, AE52 |

### Ĉu vi deziras esti direktoro ĉe la nova AEA?

La listo de kandidatoj ne estas fermita.
Ni bezonas almenaŭ sep direktorojn.
Aliĝu al AEA kaj voĉdonu je tiu grava okazo
(Se AEA ne akceptas vin kiel voĉdonanton, skribu al Aŭstraliaj Esperantistoj)

## Aŭstraliaj Esperantistoj invitas ĉiujn estrarkandidatojn skribi al ni

Mi iom surpriziĝis pro la ŝanĝpropono pri la balotoj en AEA, mi nenion legis pri tio antaŭe. Mi tamen kredas ke tiu ŝanĝo estas necesa, ĉar aliĝo 11 minutojn antaŭ la kunveno povus meti la asocion en gravajn danĝerojn de tiuj kiuj deziras detrui ĝin. Amike, Volo Wolo Gueltling <volo2010@live.com>

Ĉu la alta kotizo kaj la kondiĉoj de aliĝo fakte jam influas la voĉdonadon? Roger Springer

# Crystal Hill, Direktoro de Membraj Servoj, AEA

Karaj legantoj de Aŭstraliaj Esperantistoj,

Saluton. Mi volas danki ĉiujn pro la afablaj komentoj, helpo, ktp, kiujn mi ricevis dum mia tempo kiel la Direktoro de Membraj Servoj. Mi ja ne estis elektita de la membraro, sed malgraŭ tio iuj bonvenigis min al la posteno. Koran dankon! Verdire de la komenco mi ne intencis resti en la posteno post la ĝenerala jarkunveno. Mi akceptis la postenon por ke ne manku al AEA direktoro ĝis la voĉdonado de la tuta membraro en julio kaj la enkonduko de la nova estraro ĉe la ĝenerala jarkunveno. Mi eniris la postenon tute nesciante pri la historio kaj nuna situacio de AEA kaj kun la helpo de multaj mi lernis multe dum mia mallonga tempo kiel direktoro.

Al la esperantaj kaj daŭrigontaj direktoroj mi deziras kuraĝon kaj bonŝancon estontece. Ĝis la fino mi laboros por la membroj de AEA kaj denove mi sincere dankas vin ĉiujn pro ĉio. :)

Tutkore, Crystal Hill, Direktoro de Membraj Servoj servoj@esperanto.org.au

## PRI TELOPEO JUNIO 2012

Ĵus alvenis kopio de *Telopeo Junio 2012*. Gratulegojn al Esperanto-Federacio de NSK pro la klaraj, detalaj, kaj precizaj protokolaj kaj financaj raportoj, kaj novaĵoj pri regulaj bone-organizataj eventoj. Bedaŭrindas ke dum la pasintaj kelkaj jaroj tute mankis al AEA-membroj tia raportado pri la aferoj de la AEA-estraro kaj la okazigado de eventoj kun ĉirkaŭ 100 partoprenantoj (kiel okazigadis AEA preskaŭ ĉiujare inter 1962 kaj 2007). Ni esperu ke depost la venonta AEA-jarkunsido (kie, kiam - kaj eĉ SE - ĝi finfine okazos), nia tutlanda Asocio entenos similajn honeste kompetentajn oficistojn kun rebonigita AEA-statuto kaj regula adresar-jarlibro. Kiel citis la redaktanto de *Telopeo* (kun ŝanĝeto mia), "Ĉe vintra ven', ĉu povas tre postlongi Printempeca Springer?"
Sincere,
Max Wearing. Max Wearing mwearing@internode.on.net

## Kiaj personoj elektas lerni Esperanton?

Jen rakontoj en la angla pri 14 diversaj Esperantistoj
http://www.ikso.net/libera/pdf/chap3_en.pdf
Amike, Nicole Else <nicole@cryogenic.net>

## La tutamerika kongreso

Tre bona filmo pri la tutamerika kongreso. En la dua parto ni vidas multajn junulojn. Amike, Nicole
http://www.youtube.com/watch?v=J2okokK7IUc
http://www.youtube.com/watch?v=vJc5MPH0q3w

Svetislav Kanaĉki Ni publikigos lian novan leteron en AE54

# ‘Vintra Evento’ en Sudaŭstralio, 9-11a de Junio




Bela vetero bonvenigis grupon de 19 partoprenantoj 8 ĝis preskaŭ 80 jaraj al la lernejo kie instruas Gordon Coleman ankaŭ Esperanton al siaj gelernantoj.

La evento estis internacia kun franco, turkino kaj du viktorianoj. Estis amika etoso kun daŭra kafo/teomemservado kaj alloga Libroservo.

Matene, dividitaj en 3 grupojn, Trevor Steele aranĝis amuzajn paroligajn taskojn por progresintoj, Sandor Horvath instruis progresantojn kaj Brodie May, studento de Lingvistiko instruis al komencantoj.

Tagmeze. post tre bongusta supo kuirita de Anne Coleman, sabaton Katja Steele parolis pri siaj spertoj per instruado por infanoj laŭ ‘Mazi en Gondolando’, kun la helpo de kostumoj por la aktoroj.

Poste Gordon Coleman montris kelkajn filmetojn kiujn li trovis per la reto.

Lundon Alan kaj Jennifer Bishop parolis pri sia propedeŭtika Esperanto-projekto ‘EKPAROLI’ ĉe Monash Universitato 1993-97, kun diskuto pri la financaj implikoj.

Sekvis valora diskutado pri AEA-projekto de Penny Vos, jarkunveno kaj novaj estrarkandidatoj. Lundon la suno ankoraŭ brilis kaj invitis fruan fermon post vigla kantado kun Alan Bishop ĉe elektra piano.

Ni ĉiuj dankas al Gordon Coleman pro lia tre bona organizado.

Ĝis plua rekomendinda ‘Vintra Evento’ en 2013!

Jennifer Bishop, AEA Direktoro pri Edukado

La Esperanta Retradio donas bonan ĉirkaŭ 5 minutan aŭskult/legadon tage.

## Mallongaj enretaj universitataj E-kursoj - komenciĝos tre baldaŭ!

Ni povas akcepti esperantistojn el kelkaj aliaj landoj al niaj tri diversaj, intensaj, 3-semajnaj, enretaj E-kursoj. Ili baldaŭ komenciĝos.

1. Kurso laŭtema „DIVERSAJ STILOJ DE ESPERANTO"
2. Praktika kurso \"PLIBONIGO DE LA STILO\"
3. Praktika kurso \"PLIBONIGO DE LA LINGVOKONO\" antaŭ la someraj kongresoj.

La universitataj lecionoj okazos en Interreto, realtempe. Daŭro de ĉiu kurso: 12-30 junio 2012.
Ĉiu kurso estas 20-hora. Post la kurso oni ricevas konfirmilon de la universitato.

Pli da informoj:
https://docs.google.com/document/d/1lL6UxSTtIB5feUPJwrUD38PfpyIbIwz7cJx8pM69KcY/edit?pli=1

Se vi decidis aliĝi, bv. skribi tre baldaŭ al: esperanto.instruado.jag.univ.pl@gmail.com .
Vi ricevos indikojn pri la maniero aliĝi. Ni disponas nur pri kelkaj lokoj en ĉiu grupo.

Ĝuu internacian etoson, studante kun esperantistoj el kelkaj landoj ... sen forlasi vian hejmon. Lernu E-on en Jagelona Universitato - la plej malnova kaj plej fama universitato de Pollando, apartenanta al la plej prestiĝohavaj universitatoj mondskale. Vi povas fari tion ... restante en via hejmo!
Se vi tamen deziras veni kaj studi la lingvon ĉiutage, surloke, en Krakovo (meznivele - B2), en julio, ankaŭ tio estas ebla. Bv. skribi al ni pri tio al la sama adreso: esperanto.instruado.jag.univ.pl@gmail.com.

Kore salutas vin
Maria Majerczak



## Fiera patrino

Hodiaŭ okazis diplomceremonio en la Universitato de Sidnejo. Mia filo Dominic estis la sola studento kiu ricevis kun la "Bachelor of Advanced Science (honours)" universitatan medalon. Almenaŭ li ricevis belan skatolon por enmeti medalon. En la skatolo estis papereto sur kiu estas skribite, ke iel la medalo ankoraŭ ne pretas kaj ke li ricevos ĝin nur poste!

Amike, Nicole Else

'Manly Esperanto Club' aĉetos 7 kaj EFNSK 5 ekzemplerojn de la DVD 'The Universal Language' de Sam Green por doni al publikaj bibliotekaj prunteblaj DVD-kolektoj.
Sam Green kaj mi provas instigi SBS elsendi la filmon "The Universal Language" por festi en Aŭstralio la 125 jarojn de Esperanto.



La Manlia Esperanto Kluba kunveno Sabaton 16 Junio

# Malsanaj Kaj Vunditaj Aŭstraliaj Esperantistoj

Jen estas proponita nova parto de la novaĵletero

Informu viajn samideanojn pri Esperantistoj kiuj havas sanajn problemojn. Evitu malpravajn onidirojn. Viaj amikoj kompatos vin. Informu nin.

## Esperanto-Tago 2012

Mi kontaktas vin nun ĉar vi estas respondeculo pri informado okaze de la 125a jubileo de Esperanto. Rapide alproksimiĝas nun Esperanto-Tago 2012. Tiu tago okazos je la 26a de julio, la naskiĝtago de la Internacia Lingvo.

De Pakistano ĝis Albanio la jubilea jara kampanjo alportis belegajn rezultojn. Bonvole ankaŭ vidu, el Rusio, http://youtu.be/KVYI5P7VXLc (rus-lingve)

Mia peto do estas ke vi kontaktu viajn televidon, radion kaj aliajn ĵurnalistojn **en via lando** pri Esperanto-Tago 2012.

Sugestota teksto troviĝas ĉe http://uea.org/vikio/Komunikoj_al_la_gazetaro

Mi krome algluas nian emblemon jubilean. Bonvolu uzi! Ne estas kopirajto.

Brian Barker, BEA, <esperanto.tago.2012@gmail.com>